11e JAARGANG No. 6 VERSCHIJNT MAANDELIJKS 15 JUNI 1949

# La Progresanto

REDACTIE-COMITÉ
G. P. DE BRUIN
G. J. DEGENKAMP
F. FAULHABER

STUDIEBLAD VAN DE BOND
VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN
IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL
f 2.— per jaar; f 1.50 voor leden van F.L.E.
Postgiro 331133

W. F. KRUIT
H. KUYT
JAC. LEM JR.
J. VAN SCHEEPEN
H. VELTHOVE

REDACTIE EN ADM.: G. J. DEGENKAMP, ROELANTSTRAAT 4, AMSTERDAM-W.

## PROBLEMOJ EN LA UZADO DE L' ARTIKOLO

Ĉu la uzado de la artikolo prezentas problemojn? Multaj el ni tion tute ne sentas. Zamenhof diris sub la tiurilata regulo en sia gramatiko, ke la uzado de la artikolo estas la sama, kia en aliaj lingvoj. Lernante Esperanton, ni do simple akceptas tiun rimarkigon. Nur pri la elstaraj nekonsekvencaĵoj en la nederlanda uzado de l' artikolo atentigas la lernolibroj, ekz.: *meti la libron sur la tablon* (op tafel), analogie al *en la ŝrankon* (in de kast), kaj: *iri al la lernejo* (naar school), analogie al *al la preĝejo* (naar de kerk) k.s. Kaj krom tio iĝi atentigas, ke la nomoj de parencoj *(patro, patrino, avo, onklino* k.s.), kiuj en la nederlanda lingvo ne bezonas artikolon, ĝin en Esperanto tamen bezonas.

En la praktiko la nova esperantisto tamen konstatas multajn nekonsekvencaĵojn koncerne la artikolon, kaj pli kaj pli li konvinkiĝas, ke ĝia uzado tute ne estas tiom facila, kiom komence ŝajnis. Sub la ĵus menciita rimarkigo el la gramatiko Zamenhof daŭrigas: „La personoj, por kiuj la uzado de la artikolo prezentas malfacilaĵojn, povas en la unua tempo tute ĝin ne uzi."

Evidente tiu permeso estas aldonita ne por ni, okcidentuloj, kiuj ja konas la artikolon en siaj naciaj lingvoj. En pluraj orientaj lingvoj, i.a. la slavaj, la artikolo tamen ne ekzistas. Ni do komprenas, ke tialingvanoj komence spertas ian malfacilon pro la nekonateco de tiu vorteto.

Rimarkinde tamen estas, ke slavaj aŭtoroj ĝenerale uzas la artikolon pli korekte kaj konsekvence ol ĝerman- kaj romanlingvanoj. Tiu fakto pruvas, ke ili lernas la novaĵon kiel rimedon por esprimi difinitan sencon; kontraŭe ni, okcidentuloj, ne lernas la signifon de la artikolo, sed simple tradukas la nacilingvan artikolon per Esperanta, ne atentante ĝian signifon.

Trovante en la praktiko tiom multajn neregulaĵojn, ni konstatas kun miro, ke la malfacilaĵoj, pri kiuj Zamenhof aludis, ne unuavice ekzistas por slavoj kaj aliaj popoloj, ne konantaj la artikolon, sed ĝustedire por ni, okcidentuloj, kiuj ĝin konas, sed ne konscias kiom malregule ĝi estas uzata en la okcidentaj lingvoj. Kelkaj gramatikistoj jam starigis la demandon: ĉu efektive la artikolo estas bezonata en Esperanto? Ni aŭdacas diri, ke Esperanto nenion perdus, se ĝi ne havus tiun vorton; kaj ni kredas, ke Zamenhof ĝin enkondukis pli por kontentigi popolojn, kiuj konas tiun vorton ol kiel nepre bezonatan ilon por indiki difinitan sencon. Same kiel ni, nederlandanoj, ne sentas mankon pri la artikolo en la esceptaj esprimoj „naar school, op tafel, in huis, op zak, onder dak, in bed, te boek (stellen), op schrift" k.m.a., ni ne sentus tiun mankon, se ĝi estus ĝenerala; same en Esperanto. La artikolo estas pli ĝuste konvencio ol neceso.

Se la artikolo estus nepre bezonata por difini aferon, oni ne bezonus ĝin por aferoj jam aliamaniere difinitaj. Sed en la praktiko oni vidas konstante, ke ĝuste en tiuj lastaj kazoj la artikolo ne mankas. Ĝustedire ĝi do ofte estas pleonasma.

Sed ĝi ekzistas en Esperanto, kaj ĉar ĝi ekzistas, nenio estas pli natura, ol ke gramatikistoj klopodas ligi ĝian uzadon al specialaj reguloj.

La ĉefa regulo, kiun ĉiuj agnoskas, estas, ke la artikolo indikas difinitan personon aŭ objekton; kaj neuzo de l' artikolo

signifas, ke ni ne volas indiki iun aŭ ion definitan, sed iun aŭ ion el pluraj. Laŭ tiu regulo oni vidas klaran diferencon inter *li legas libron* (iun libron, ne gravas kiun) kaj *li legas la libron* (libron, pri kiu oni jam antaŭe parolis, do difinitan).

Strange tamen estas, ke al personoj aŭ aferoj, kiujn oni konsideras unikaj en ilia speco: la suno, la tero, la firmamento, la universo, la ĉielo k.s. neniam mankas artikolo. Ĉar tiuj ideoj pro sia unikeco jam estas sufiĉe difinitaj, ili logike ne bezonus artikolon. Tiu dua regulo do montras, ke la unua regulo pri la difina senco de l'artikolo estas mankhava.

Oni povas aldoni ankoraŭ trian regulon, same distilitan el la praktiko: ke la artikolo indikas, ke singulara substantivo estas konsiderata kiel reprezentanto por sia tuta klaso aŭ kategorio, ekz.: *la homo estas intelekta estulo* (= ĉiuj homoj estas....);*la libro estas amiko de la homo* (= ĉiuj libroj estas....); *la mono estas la kaŭzo de la plej multaj krimoj* (= ĉiom da mono....).

En la nederlanda lingvo ni konas ankoraŭ unu specialan uzon de l' artikolo, kun akcento elparolata: „Plena Vortaro" is *het* woordenboek voor de Esperantist". „Het" signifas ĉi fraze „la ĝusta, la vera, la plej grava". Tiu ĉi uzo ŝajne ne estas diversnacie komprenebla, do en Esperanto ne rekomendinda.

Ekzistas diferencaj opinioj pri uzo aŭ neuzo de l' artikolo antaŭ certaj numeraloj, pronomoj kaj post la prepozicio „da". Pri tiuj ĉi kazoj ni diru kelke da vortoj:

La vorton „beide" ni uzas kun kaj sen artikolo. Zamenhof uzis kelkfoje „ambaŭ" kun artikolo, sed poste konsilis ne fari tion.

Imite al naciaj lingvoj ni trovas kelkfoje „ĉiuj la" (al de), kio estas same malkonsilinda kiel „iu la, tiu la, kiu la". Ĉe la numeraloj „kelkaj" kaj „multaj" la artikolo estas uzebla, se oni deziras difini specialajn grupojn da kelkaj, multaj.

La utilon de l' artikolo antaŭ „jena" oni sentas, komparante „la afero estas la jena" (de volgende) kaj „la afero estas jena" (als volgt).

En la reciproka pronomo „elkaar" oni uzas ĝenerale unu, kelkfoje eĉ du artikolojn: *unu la alian, la unu la alian*. Preferinde ŝajnas al ni tute ne uzi ĝin: *unu alian*.

Antaŭ adjektive uzata poseda pronomo oni ne uzas artikolon (*la mia libro* estas nepra eraro). Tamen, en poemoj Zamenhof mem ofte uzis tiajn posedajn pronomojn kun artikolo, kvankam nur en specialaj stilnuancoj: „la penso mia", kio estas klarigebla jene: la penso de mi. En la traduko de „Hamleto" tiaj ekzemploj abundas.

Sed regas diferencaj opinioj pri „la" antaŭ poseda pronomo memstare uzata. En tiaj kazoj la poseda pronomo ludas la rolon de substantivo: *la mia, la via*. Kelkaj nepre kondamnas la artikolon en tiaj esprimoj. Niaopinie ĝi tre bone servas por indiki diferencon: *tio estas via* (dat is van u); *tio estas la via* (dat is het uwe); *vi konas tion en via nacia lingvo, sed ni ne en la nia* (de onze).

La opinio, ke antaŭ tia poseda pronomo la artikolo ne estas bezonata, kredeble baziĝas sur la fakto, ke pronomo jam difinas la aferon, kiu do pro tio ne postulas plian difinon. Per la ĉi supraj ekzemploj ni pruvis, ke pronomo ne ĉiam sufiĉe difinas aferon.

Interese estas, ke la artikolo ofte estas uzata anstataŭ la posedaj pronomoj „mia" (propra), „via" (propra), „sia". Tio faras la esprimon pli glata: *li metis la manon en la poŝon* anst.: *li metis sian manon en sian poŝon*.

Artikolon post „da" oni trovas preskaŭ nenie, kvankam logika argumento kontraŭ tiu uzo estas malfacile trovebla. Karl Minor preferis uzi ĝin.

*(Finota)*.

---

## PETO

Por novaj abonantoj ni bezonas ekzemplerojn de la febr. kaj marta n-oj de L.P. ĉi jarajn. Kiu povas kompleze havigi ilin al ni? Anticipe dankas

La administracio

---

# POR KOMENCANTOJ

H. Kuijt.

Vertalingen zende men voor de 10e van de volgende maand aan het redactie-adres: Roelantstraat 4, Amsterdam-W.

WEDERKERENDE WERKWOORDEN.

(Refleksivaj verboj) 1.

Ontleden (Analizi).

De zin: *Li instruas la infanon* ontleedt men als volgt: gezegde: (het werkwoord) *instruas*, onderwerp: (kiu instruas?) *li*, bepaling (de rest) *la infanon*. Dit is een bepaling zonder voorzetsel, dus N.

Lijdend voorwerp: *(Rekta objekto).*

De bepaling zonder voorzetsel in de ontlede zin noemt men lijdend voorwerp, omdat de handeling, door het onderwerp verricht, hierop wordt toegepast; men zegt ook wel, dat het lijd. voorw. de handeling ondergaat.

In de zin: *Li promenis la tutan tagon* is *la tutan tagon* wel een bepaling zonder voorzetsel en krijgt als zodanig een N, maar is geen lijd. voorw., omdat hier geen handeling op wordt toegepast. Ter vergelijking nog: *Mi legas libron* (lijd. voorw.). *Johano alvenis la trian horon* (bepaling van tijd).

In de zinnen: *Ni admonas la infanojn. Mi fumas cigaron. Vi skribas leteron*, zijn het onderw. en het lijd. voorw. twee verschillende zelfstandigheden; het onderwerp past hier dus een handeling toe op iets of iemand anders. Er zijn ook werkwoorden waarbij het onderwerp een handeling ook op zichzelf kan toepassen, bijv.:

*Mi instruas la infanon—Mi instruas min. Vi kombas la knabinon—Vi kombas vin. Ni savis la knabon—Ni savis nin.* Zo ook bij de werkwoorden: *ŝirmi, venĝi, oferi, bani, lavi, distri, razi* en vele andere.

In de eerste zinnen zijn onderwerp en voorwerp verschillende personen, in de tweede zinnen zijn onderwerp en voorwerp dezelfde persoon. Is dit laatste het geval in een zin, dan heeft men te doen met een wederkerend werkwoord, met andere woorden: als het onderwerp een handeling toepast op zichzelf.

Wederkerende persoonlijke voornaamwoorden *(Refleksivaj personaj pronomoj).* Zo heten de lijdende voorwerpen *min, vin* en *nin* in de voorbeeldzinnen.

(Wordt vervolgd.)

Ter vertaling. Opgave 6.

Jan, kom hier, je wast je niet goed. Wij verdedigen ons dapper. Hij gedroeg zich in de vergadering zeer vreemd. Deze man en zijn vrouw komen uit een vreemd land. Wij weten niet, of zijn vader nog leeft. Wat hebt U liever, een schilderij of een tekening? Nauwelijks zat zij, of men riep haar weer. Als ik tijd had, zou ik alles kunnen zien. Als vader komt, gaan wij eten. Hij hield veel van zijn beide jongens, van wie de oudste tien jaar is. Laten wij hopen, dat het weer spoedig beter wordt. Goeden morgen, mijnheer, neemt U plaats, als 't U belieft. Hij had al drie uur gelopen, toen hij eindelijk ging rusten. Kom niet binnen, zonder op de deur geklopt te hebben. Noch hij, noch zijn broer zien er gezond uit. Met z'n tweeën gingen zij de kamer in. Denkt er om, jongens, komt niet vuil terug. Toen de les begon, was Jan nog niet aanwezig. Zijn de nieuwe lessen al gedrukt? Juist zou ik gaan zitten, toen er gebeld werd.

Vertaling van opgave 4.

La patro kaj la patrino 1) estas tre kontentaj. Kiaj 2) estas la koloroj de la ĉielarko? Kiel 3) oni fariĝas 4) kapabla esperantisto 5)? Ĉu morgaŭ la geonkloj vizitos nin 6)? Mi ne opiniis 7), ke Rejno 8) estas tiom 9) larĝa rivero. Li estas la plej afabla 10) viro, kiun mi konas. Mi scias 11) nek la francan 12), nek la anglan lingvojn 13). Se mi havus 14) tempon, mi lernus ambaŭ lingvojn. Estas necese 15), ke vi ofte voĉlegu 16). Mi tre amas ĉi tiujn afablajn homojn. Petro timas 17 tiun bojantan hundon. La falinta ĉevalo ne plu povis ekstari 18).

1) Ook: *gepatroj*. 2) Niet: *kiel;* hier wordt gevraagd naar een hoedanigheid, het antwoord is immers: *bluaj, verdaj* enz. 3) Niet: *kia;* hier wordt naar een manier gevraagd. 4) Ook wel: *iĝas;* hoewel bij opzet *fariĝi* de voorkeur verdient. 5) Niet met N; *fariĝi* is een koppelwerkwoord en *kapabla esperantisto* naamwoordelijk deel van het gezegde; dit staat altijd in de eerste naamval. 6) Ook: *faros viziton al* (niet: *ĉe) ni; venos viziti nin*. 7) Ook: *pensis*. 8) Niet: *la Rejno;* men beroepe zich niet op dichterlijke vrijheden; dichters offeren wel eens de correctheid terwille van het rhythme. 9) Niet: *tia;* hier heeft men te doen met een bijwoord, dat iets zegt van een bijvoegl. naamw. *(larĝa)*. Ook: *kiel*. 10) Niet: *ĝentila*, d.i. beleefd. Niet: *amika*, d.i. vriendschappelijk, als een vriend. 11) Ook: *konas;* echter niet altijd: *Mi konas (scias) la francan lingvon*. Maar:

# POR PROGRESANTOJ

J. van Scheepen.

Vertalingen zende men voor de 10e van de volgende maand aan het redactie-adres: Roelantstraat 4, Amsterdam-W.

Opgave 6. Vertaal in Esperanto:

Ergens aan het strand lag een vissersdorp. Omdat de kust daar gevaarlijk was, stond er een vuurtoren, maar toch gebeurde het vaak in stormachtige nachten, dat een schip afdreef en stootte op een van die onzichtbare rotsen, waar het binnen enige uren zo goed als zeker ten ondergang was gedoemd. Dan seinde de wachter naar het dorp, opdat men de noodklok zou luiden en een reddingboot bemannen. En weldra droeg de storm het noodgeluid naar alle kanten tot aan de veilige legersteden der slapenden. „Hoor je niet, hoe de noodklok luidt?" zegt een vrouw tot haar man. „Dank God, dat wij niet in gevaar zijn", is het antwoord. En hij wendt zich om en slaapt weer in. Een ander wordt wakker, hoort het luiden en zegt: „God zegene hen, die deze nacht hun leven wagen" en hij luistert een wijle en slaapt weer in. Een derde ontwaakt en zegt: „Daar word ik geroepen, want er zijn mensenlevens te redden". En hij kust zijn vrouw en kinderen tot afscheid, want hij weet: het gaat op leven en dood.

Vertaling op gave 4.
LIBERIGO.

Senripoze 1) la tempo rapidas 2) kaj ankaŭ la plej teruraj spertoj baldaŭ 3) troviĝas 4) malantaŭ ni, ofte pli malproksime 5) ol ni 6) konscias 7). Jen nun jam pasis kvar jaroj post kiam 8) finiĝis 9) la plej granda homomasakro 10) iam furiozinta 11) sur la tero 12).
Bedaŭre la estanta tempo plenigas nin ankoraŭ per granda zorgo, (sed) tamen ni ne perdis 13) la esperon.
Kiuj povos alporti 14) la fratecon inter 15) la popoloj? Ĉu (ili estos) la fajraj 16) batalantoj por nova socio? Ĉu (ili estos) la kredantoj 17), kiuj seriozas 18) pri la Kristanismo? Ĉi rilate 19) ne estu parolo pri unu partio, nek pri la aspiro al la supereco 20); oni devas frate interplekti ĉiujn manojn 21), ĉar la tasko estas preskaŭ superhome malfacila 22) kaj postulas nin ĉiujn 23). Ĉiujn 24)!

1) Ook: *senhalte, senpaŭze.* 2) Ook: *flugas, kuras.* 3) Niet: *rapide.* Let op het verschil tussen „vlug" en „spoedig". 4) Ook: *kuŝas.* 5) Ook: *je pli granda distanco.* 6) Ook: *oni.* 7) Ook: *komprenas, konjektas.* 8) Niet: *ke.* 9) Ook: *venis fin(iĝ)o.* 10) Ook: *amasbuĉado, amasmortigo, amasmurdo.* 11) Ook: *kiu iam furiozis.* 12) In het Nederlands staat het lidwoord niet. Wel in 't Esperanto. Vergelijk: vader eet = *la* patro manĝas. Ook: *surtere.* 13) Ook: *estas perdintaj.* 14) Ook: *efektivigos.* 15) Ook: *de.* Men kan „ili estos" ook weglaten. 16) Ook: *vervaj, fervoregaj.* 17) Ook: *religiuloj.* 18) Ook: *estas seriozaj, serioze konfesas.* Niet: *faras.* 19) Beter dan *ĉi tie.* Ook: *ĉe tio.* 20) Ook: *la unua loko.* 21) Ook: *kunigi ĉiujn fortojn.* 22) Ook: *peza.* 23) Ook: *ĉies personecon.* 24) Dit is een herhaling uit de voorgaande zin, waar het woord in de 4e naamval staat.

Beoordeling:
H. J. H. te B. 8; A. J. G. te D. 7; J. S. V. t eH. 6; F. v. d. M. te U. 7; P. W. te Gr. 6; C. v. E. te R. 6; G. L. te H. 7; A. D. te Z. 7; Astor 8; Lupo 8; A. L. te G. 9; P. R. te G. 8; A. B. te A. 8.



*Mi povas (scias) paroli la francan lingvon.* 12) Niet gebruikelijk is de hoofdletter in *Francan, Anglan* enz. hoewel enkelen dit graag zien bij deze bijvoegl. naamw. Een interessant artikel verscheen hierover in „Malgranda Revuo" No. 1, 1949, blz. 21. 13) Niet zonder N; *nek* is een voegwoord, geen voorzetsel. 14) Niet: *havis;* de handeling komt niet tot stand. 15) Niet: *bezonate; bezoni* = nodig hebben, behoefte hebben aan; *esti necesa (necesi)* = nodig zijn. 16) Ook: *laŭtlegu, legu laŭte.* 17) Niet: *timiĝas pri* of *pro; timi* hoeft hier niet onoverganklijk gemaakt te worden. 18) Ook: *levi sin, leviĝi, stariĝi.*

Beoordeling: G. B. te Z. 6, Lupo 9, J. R. te A. 10, A. te R. 9, D. K. te Z. 7, P. W. te Z. 9, E. A. B. te A. 10, A. J. G. te D. 8, H. J. H. te B. 9, P. J. B. te G. 7, P. W. W. te G. 7, H. J. te H. 7, J. J. S. 6, C. v. S. te R. 8, A. A. D. te Z. 8, C. v. B. te S. 9, A. B. te A. 8, J. G. D. te Z. 8.

## DE KOMENCANTO AL PROGRESANTO

Jac. Lem

| | |
|---|---|
| Mag ik zo vrij zijn u te verzoeken? | Ĉu mi povas kuraĝi peti al vi? |
| Voor iemand op zij gaan. | Cedi al iu. |
| Frisse lucht happen. | Enspiri freŝan aeron. |
| Mens in de ware zins des woords. | Homo en plej pura senco. |
| Je komt pas van moeders pappot. | Vi ĵus estas dekroĉita de patrina jupo. |
| Wij rekenen ons tot plicht. | Ni kalkulas nian devon. |
| De uren kropen voort. | La horoj treniĝas. |
| Je zou haast zeggen. | Oni inklinus diri. |
| Op het eerste gezicht beviel hij mij niet. | De la unua rigardo li ne plaĉis al mi. |
| Mij kun je toch geen zand in de ogen strooien. | Vi ne sukcesos nebuligi al mi la okulojn. |
| Allerlei gedachten woelden door mijn hoofd. | Ĉiaj pensoj moviĝis en mia kapo. |
| Zijn naam op ieders lippen brengen. | Laŭtigi lian nomon per multbuŝa famo. |
| Als twee droppels water. | Kiel de l' sama akvo gut' al guto. |
| Opbiechten. | Konfesi. |
| De slaap vatten. | Ekdormi. |
| Zich zonder meer een weg banen. | Senceremonie rompi al (por) si vojon. |
| Uitvluchten. | Pretekstoj. |

Opgave 6.

1. Ik heb uw vader goed gekend; hij was een mens in de ware zins des woords. 2. Ik kon de slaap niet vatten. Traag kropen de uren voort. Allerlei gedachten woelden door mijn hoofd. Toen de klok vijf sloeg, stond ik op, kleedde mij aan en ging naar buiten om wat frisse lucht te happen. 3. Ik heb mij niet vergist; het bleek, dat hij een onbetrouwbaar (*nefidinda* = op wie men zich niet verlaten kan; *nekonfidinda* = aan wiens eerlijkheid men twijfelt) persoon was. Op het eerste gezicht beviel hij mij al niet. 4. Wij rekenen het ons tot plicht u te waarschuwen voor overdreven optimisme. 5. Toen men niet voor hem op zij wilde gaan, baande hij zich zonder meer met de ellebogen een weg door de massa. 6. Je zou haast zeggen, dat zij broers waren; zij gelijken als twee droppels water op elkander. 7. Je zou verstandig doen, als je alles eerlijk opbiechtte, zoek (maar) geen uitvluchten. Mij kun je toch geen zand in de ogen strooien. 8. Zijn uitvinding bracht in korte tijd zijn naam op ieders lippen. 9. Wat weet jij er (nu) van? Wat meer bescheiden, vriend; je komt pas van moeders pappot. 10. Mag ik zo vrij zijn u te verzoeken mij te zeggen met wie ik het genoegen heb te spreken?

Vertaling van opgave 5.

1. Post kelktaga restado ni forlasis nian afablan gastiginton, kiu de sur sia balkono rigarde sekvis nin, ĝis kiam ni malaperis post la monteto. 2. Rigardante la morton en la vizaĝon, la kuraĝulo (kuraĝa (brava) viro) eniris la brulantan domon kaj sukcesis savi ambaŭ infanojn. 3. Bonvolu poŝtrevene sciigi al mi kiom da ekzempleroj vi deziras ricevi. 4. Ŝi estis surpiede tage kaj nokte por flegi min; mi neniam povos sufiĉe danki ŝin pro ĉio, kion ŝi faris por mi. 5. Ĉi tio estas la portreto de mia filino; ĉu ne tute simila al sia patrino? 6. Estis stelklara nokto; tamen, kvankam la malvarmo estis tranĉa, ni restis bonhumoraj kaj ni atingis nian hotelon antaŭ tagiĝo. 7. La forĵetis sian cigaran stumpon, volvis cigaredon kaj kondutis kvazaŭ nenio okazis. 8. Kara mia, serĉu iom da distro (klopodu iom distri vin), vi tro penege laboradas; vi ne trostreĉu la arkon (arko trostreĉita rompiĝas). 9. Kial vi kverelas (disputas)? Pli kostas la sako, ol la tuta pako (la felo tenadon ne valoras; ne valoras la faro la koston de l' preparo). 10. Li forvojaĝis al Anglujo kun grava komisio, sed ĉar la ŝipo surfundiĝis, li alvenis tro malfrue.

Bonvolu korekti: paĝo 36a, 2a kolono, 7a linio de supre: *sigaredon* d.e. *cigaredon*.

Beoordeling:
H. J. H. Jr. en B. 9; C. v. S. en R. 7; P. M. W. en G. 6; E. A. B. en A. 7; Lupo 8; J. R. en A. 9; G. A. en R. 9; P. W. en Z. 6; D. K. en Z. 8; A. J. G. en D. 8; Astor 9; Klopodanto 7

# LA EKZAMENAJ FAKOJ

Por la pli multaj B-kandidatoj la studado pri la literaturo estas la plej temporaba. Ĉe la finiĝo de pluraj B-kursoj evidentiĝis, ke kelkaj partoprenintoj jam sufiĉe ekzercis sin en la aliaj fakoj, sed pro tempomanko prokrastis la studadon pri la postulitaj ses literaturaj verkoj. Por eviti tian malfruiĝon estas konsilinde, jam ĉe la komenco de le kurso ekokupi sin ankaŭ pri la literaturo. Tiu ĉi studado ne okazu en nur parto de la kurso, sed dum ĝia tuta daŭro, ĉar la lernanto akiras la bezonatan sperton nur per daŭra kaj serioza studado.

Tiun ĉi fakon oni povas dividi en du partojn: la ĝeneralan scion pri la Esp.-literaturo kaj la scion pri minimume ses studitaj verkoj. Sed el ambaŭ rezultas ankoraŭ tria faktoro: la studanto havu iom da scio pri la evoluo de la lingvo en la literaturo kaj povu iom juĝi pri diversaj aŭtoroj.

Ĝeneralan scion pri verkoj originalaj kaj tradukitaj oni plej facile akiras, parkere lernante la ĉefajn aŭtorojn, tradukintojn kaj titolojn el la libreto „DE ESPERANTO-LITERATUUR IN VOGELVLUCHT".

La dua parto kostas multe pli da tempo. Antaŭ kelkaj jaroj multaj studantoj ne sciis kion ili komprenu sub „literatura studado", kaj ofte oni erare supozis, ke jam sufiĉas scii iom pri la enhavo de legitaj libroj. Sur tiu supozo oni eĉ bazis studverketon! Por forigi tiun miskomprenon kaj por montri la ĝustan manieron kiel studi literaturon, F.L.E. eldonis la verketon „LEIDRAAD BIJ DE STUDIE VAN DE ESPERANTO-LITERATUUR". B-kandidatoj nepre bezonas ĝin. Se oni serioze agas laŭ la konsiloj en tiu ĉi verketo, oni ne bezonas dubi pri bona rezultato en la ekzameno, almenaŭ pri tiu ĉi fako.

Ofte la elekto de la studotaj verkoj estas iom malfacila, eĉ embarasa. En B-kurso la konsilo: kiujn verkojn oni aĉetu, ofte dependas de la fakto, ke kelkaj partoprenantoj jam disponas pri 2, 3 libroj. Por eviti troajn elspezojn k.s., ne ĉiam estas eble havigi al si la plej konvenajn. La plej taŭgaj ja estas tiuj verkoj, kiuj inter si montras la plej grandan diversecon, precipe koncerne stilon, idiomajn formojn kaj gramatikajn rimarkindaĵojn. Bedaŭrinde multaj tre rekomendindaj verkoj jam ne estas aĉeteblaj. Privatajn konsilojn en tia embaraso la redakcio de L.P. volonte havigas. Oni nur informu nin pri la verkoj, kiujn oni jam posedas, kaj pri eventuale preferataj temoj.

La tria faktoro jam menciita: scio pri la lingva evoluo, juĝkapablo pri diversaj aŭtoroj, estas praktike akirebla nur per plej serioza studado de multe pli ol ses verkoj. Spertulo en tio estus nur tiu, kiu konas ĉiujn bonajn aŭtorojn kaj tradukintojn. Nur per kompara studado de multaj verkoj oni akiras juĝkapablon pri la diversaj stilnuancoj kaj tian komprenon pri bonaj verkistoj, ke, legante nur kelke da paĝoj el iu verko, oni ofte jam povas diveni la aŭtoron aŭ tradukinton. Ĉar neniu B-kandidato studis tiucele minimume kvindekon da verkoj, F.L.E. eldonis libreton, en kiu estas resumita ĉio, kion oni povus akiri post per multjara studado. „ESPERANTO 60-JARA" skizas en kelkaj ĉapitroj la tutan evoluon de la lingvo en la literaturo, kaj prezentas la ĉefajn karakteraĵojn de la pli multaj verkintoj kaj tradukintoj.

---

Dem.: Kial en „Skizoj" aperis la nomo „klabsaliko" = knotswilg? Knotwilg = sensuprigita saliko.

Resp.: La intenco ne estis traduki „knotswilg", sed „geknotte wilg". „Sensuprigita saliko" estas malbela kaj tro longa esprimo. Ĉar „knotwilg" havas la formon de klabo, la traduko „klabsaliko" (laŭ tiu formo) ŝajnas al ni pli tafa. La simileco inter „knot" kaj „knots" estas do nur hazarda.

---

AFGELEIDE WERKWOORDEN.
*(Vervolg)*

Met nog vele andere betekenissen, die dergelijke afgeleide werkwoorden kunnen hebben, zouden wij deze lijst kunnen vervolgen. De omschrijvingen zouden echter steeds vager worden en menig afgeleid werkwoord zou een eigen verklaring behoeven.

Ter illustratie van het voorafgaande mogen enkele voorbeelden dienen, geput uit „Cezaro": *ekzempli* (een voorbeeld geven), *fajreri* (flikkeren), *okuli* (blikken), *afiŝi* (vertonen), *hejmi* (thuis blijven), *strabokuli* (loens aanstaren), *duoncirkli* (een halve cirkel maken met), *uragani* (stormen), *duonvoĉi* (met gedempte stem zeggen), *kremi* (met room bestrijken), *fazeoli* (van bonen voorzien), *fingri* (vingeren), *piedaĉi* (sjouwen), *flugili* (klapwieken), *pordi* (met de deur uitkomen op), *urs-piedi* (slofferen), *ombri* (overschaduwen), *okulegi* (aangapen), *almozi* (smeken om), *unuanimi* (eensgezind zijn), *klakeĥi* (naklepperen), *marĝeni* (kanttekeningen maken), *favoraĵi* (met gunsten overladen), *samtempi* (samenvallen), *ekmieni* (een gezicht opzetten), *grupi* (groeperen), *inkubi* (als schrikbeeld vervolgen), *distanci* (afgelegen zijn), *ekkonsuli* (als consul optreden).

Nu we toch uit „Cezaro" citeerden, willen we tevens uit dit werk een aantal dergelijke afleidingen vermelden, die evenwel voor het grootste deel alleen uit de samenhang van de zin te begrijpen zijn. Het zijn afleidingen, die door een of ander voorvoegsel worden voorafgegaan, waardoor echter het woord, wanneer het op zichzelf staat, aan duidelijkheid lijdt. De vertaler heeft met zulke woorden getracht een begrip weer te geven, dat anders, ware het volkomen logisch gevormd, minder vloeiend zou klinken of in meer dan een enkel woord gezegd zou moeten worden. Het zijn o.m.: *diskruri* (de benen uitstrekken), *disnebuli* (vervagen), *disokuli* (grote ogen opzetten), *disbraki* (de armen uitstrekken), *disvejni* (zich vertakken), *disungi* (openrijten), *dispordi* (de deuren openslaan), *displandi* (vertrappen), *diskojni* (een wig drijven tussen), *albraki* (de armen uitstrekken naar), *aloreli* (in de oren klinken), *alvorti* (het woord richten tot), *ekvoji* (op weg gaan), *elturi* (hoog uitsteken boven), *tradenti* (doorbijten), *trafajri* (doorgloeien), *ekvoĉi* (opeens uiten), *ektendari* (een kamp opslaan), *superarki* (overbruggen), *interamiki* (met elkaar bevriend zijn), *forungi* (wegkrabben), *subbraki* (onder de arm nemen), *superturi* (beheersen), *ĝisgorĝi* (tot de keel reiken) e.v.a.

Wij moeten echter hieraan toevoegen, dat Zamenhof voor zulke eigenaardige, doch practische afleidingen zelf het voorbeeld heeft gegeven met *diskarni* (het vlees openrijten). Wilde men dit begrip geheel logisch uitdrukken, dan kregen we het minder vloeiende *disŝiri la karnon*. Ook de afleiding *fumaĵi* (roken, b.v. van vis) is van Zamenhof afkomstig.

Natuurlijk komen afleidingen van zelfstandige stammen meer in moderne dan in klassieke werken voor, maar het zou onjuist zijn daaruit af te leiden, dat zij een vreemd element in de taal vormen. Verscheidene van zulke werkwoorden zijn van Zamenhof zelf afkomstig; wij noemen slechts *tradandi* („La Revizoro" 21-10), *elpoenti* (L.R. 44-12), *ŝipadi* („Fabeloj" III 87-3), *kradi* (F. II 115-13), *ŝipi* (F. I 59-23), *voĉi* (O.V. 186-39). Ja, men kan zeggen, dat men bij het bestuderen van Zamenhofs werken vaak tot verrassende resultaten komt, en constateert, dat menige vorm die men bij moderne schrijvers aantreft, haar oorsprong vindt bij de auteur van Esperanto.

Nog zij hier opgemerkt, dat sommige schrijvers, vooral van leerboeken, verschillende dezer werkwoorden, in het bijzonder de onder 6 genoemde, graag met het achtervoegsel *um* gebruiken (*brosumi, martelumi, sangumi, orumi, arĝentumi, ombrumi, florumi, parazitumi* e.d.), hetgeen absoluut overbodig is, daar al of niet toepassen van *um* geen wijziging in de betekenis brengt. Alleen in die enkele gevallen, waar twee afleidingen voor verschillende betekenissen nodig zijn, is voor een dier betekenissen *um* nodig (*gusti* = smaken, *gustumi* = proeven).

Bij sommige stammen gebruikte men vroeger vaak het niet-officiële achtervoegsel *iz* (= voorzien van), bijv.: *orizi, arĝentizi*. Thans is *iz* bijna vergeten.

Het is hier de plaats op te merken, dat slechts enkele schrijvers de eenvoudige vormen *publiki, motivi, ordi, reguli* en *sulki* gebruiken, terwijl anderen *publikigi, motivigi, ordigi, reguligi, splitigi* en *sulkigi* bezigen. Waarom dit verschil? De stammen *publik', motiv', ord', lim'* e.d. zijn zelfstandig, zodat, volgens de algemeen geldende regels der woord-

afleiding *publikigi, motivigi, ordigi* enz. betekenen *fari publikon, fari motivon, fari ordon* enz., of wel *fari ion publiko, fari ion motivo, fari ion ordo*. Met *publiceren*, *motiveren, ordenen, regelen* e.d. bedoelt men echter niet *een publiek, motief, orde, regel* e.d. *maken*, zoals de vertalingen *publikigi* enz. eigenlijk betekenen, maar *aan iets bekendheid geven, voor iets een motief aanvoeren, iets in orde brengen* enz., logisch dus: *fari ion publika, havigi al io motivon, fari ion orda, laŭregula* enz.
Indertijd heeft men, de onjuistheid van de samenstelling *publikigi* al inziende, getracht hiervoor *publici* in te voeren, maar zonder veel resultaat. Daarmee zouden evenwel de andere moeilijkheden (*motivigi, ordigi* enz.) niet opgelost zijn. Later stelde men voor deze woorden de eenvoudige afleidingen *publiki, motivi, ordi, reguli* in de plaats, zodat wij thans te kiezen hebben tussen deze laatste vormen en de samenstellingen met *igi*.
Aan de oplossing zonder dit achtervoegsel zouden wij graag de voorkeur geven, ware het niet, dat daarmee toch nog een andere moeilijkheid onopgelost bleef. Gebruikt men n.l. *publiki* voor *bekendheid geven aan, motivi* voor *motiveren, ordi* voor *in orde maken* enz., hoe dan te vertalen *bekendheid verkrijgen, gemotiveerd worden, in orde komen?* Dat kan niet anders dan door de algemeen gebruikte woorden *publikiĝi, motiviĝi, ordiĝi*. Nu, als we dan toch nog deze woorden met *iĝi* moeten blijven gebruiken, die logisch natuurlijk betekenen *iĝi publiko* enz. i. pl. v. *iĝi publika*, wat men eigenlijk bedoelt, dan lijkt het ons maar beter naast elkaar te blijven schrijven *publikigi* en *publikiĝi, motivigi* en *motiviĝi, ordiĝi* en *ordiĝi*, dan de moeilijkheid half op te lossen door het gebruik van *publiki* e.d.
Een soortgelijk geval is *kutimigi (wennen aan,* hoewel dit woord logisch betekent *een gewoonte maken)*. Daarvoor in de plaats *kutimi* te schrijven gaat niet, om twee redenen: ten eerste, omdat ook naast *kutimigi* een vorm met *iĝi* bestaat (*kutimiĝi* = *zich wennen aan*), en ten tweede, omdat *kutimi* reeds een andere betekenis heeft: *gewend zijn*. Maar toch kan men zich in dit geval logischer uitdrukken met *alkutimigi* (resp. *-iĝi)* = *igi* of *iĝi al kutimo.*

En eindelijk moeten wij gewagen van een andere moeilijkheid: het verschil tussen *dolori* en *dolorigi*, en tussen *veneni* en *venenigi*. De grens tussen de vormen met en die zonder *igi* is niet precies vast te stellen, omdat deze verschillen meer op de practijk dan op de logica gebaseerd zijn. *Dolori* gebruikt men als regel, als een lichaamsdeel of wond pijn doet, *doloriĝi*, als de pijn veroorzaakt wordt door een voorwerp of handeling van buiten af. Bijv.: *La kruro doloras al mi Min doloras ĉi tie*. Z. *Ankaŭ dum ridado povas dolori la koro*. Z. *Frapo per bastono dolorigis lin. Dolorigi al si la piedon*. In twijfelgevallen volstaat men met *dolori*. Onder *veneni* verstaat men *doden met vergif*, terwijl men *venenigi* pleegt te gebruiken voor het *mengen van vergif* in spijs of drank. Zamenhof bezigde evenwel ook voor dit laatste geval *veneni* zonder meer.

(Wordt vervolgd)

---

# LA HOMA KORPO

Estas mirige kiom malmultaj homoj konas sin mem. Per tiu miresprimo ni tamen ĉi foje ne celas la psikan flankon de la homo — estas ĝenerale konata fakto, ke la pli multaj homoj pli bone konas siajn najbarojn ol sin mem — sed lian fizikan parton: la korpon. Se estas vero, ke oni nur tre nedetale konas la partojn, el kiuj konsistas la homa korpo, tiom malpli la esperantistoj konas tiujn partojn en Esperanto.

Jam fariĝis konata esprimo: „se vi volas plibonigi la mondon, komencu ĉe vi mem". Ni dezirus, koncerne nian temon, transformi tiun esprimon jene: „se vi deziras ekkoni la mondon, komencu ĉe vi mem."

Do tion ni faru, kvankam iom malfrue, ĉar L.P. ekzistas jam 11 jarojn!
Per afabla konsento de k-do B. Rijpstra en Leeuwarden ni povas publikigi de temp' al tempo partojn el lia konciza, sed tre klara kaj instrua (koncerne temon kaj Esp.-terminojn) traktaĵo pri la homa korpo.
Oni ne timu, ke la temo estas science peza. Male, eĉ komencanto povas legi la tekston. Ni publikigos ĝin poparte, nur en Esperanto, sed sube de ĉiu teksto ni aldonos la tradukojn de la malpli konataj nomoj.
Per tio ni esperas servi al ĉiu, kiu deziras „koni sin mem", ankaŭ en Esperanto. Al k-do Rijpstra nian sinceran dankon pro lia kontribuo!